# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

38a jaro | Septembro-oktobro 1986 | N-ro 5




La stacidomo de Katowice, Pollando,
urbo de la 39a IFEF-kongreso en la jubilea Esperanto-Jaro 1987.

## REDAKTORA BABILO

Samtempe agrabla kaj malagrabla situacio de redaktoro: tro da materialo por unu numero. Kion ellasi, ĉu por iu venonta numero, ĉu eventuale por neniama publikigo, ĉar la temo malaktualiĝis?

Proksimume tiel estas pri n-ro 5, la nuna de IF.

La resumo pri jarraportoj kaj la kongresa protokolo estas esencaj eroj de nia ·laboro, kaj kompreneble ili aperas nun. Sed interesega artikolo pri la facila atingebleco al la Amsterdama flughaveno per novkonstruita fervojlinio devas atendi ĝis venonta IF, kvankam tio vualigas la aktualecon de la novaĵo.

Ni ankoraŭ atendas la mecenaton, kiu savos nin de ĉiuj financaj zorgoj!

Intertempe provu trovi la interesajn partojn de nia 16-paĝa revuo, kaj se vi post detala tralego trovis nenion, tio eble signifas, ke vi ne kontribuis. Tiukaze tuj trovu la anseran plumon, trempu ĝin en la inkujo kaj verku!

Bonan starton de la vintra sezono (sur la norda hemisfero!), la lasta antaŭ la Jubilea jaro deziras

red.

## IFEF-KONTAKTKUNVENO DUM LA 71A UNIVERSALA KONGRESO EN PEKINO

Sub gvidado de ĉefkomitatano Lucien De Sutter okazis la IFEF-kontaktkunveno en ĉeesto de 51 fervojistoj el 15 landoj/4 kontinentoj. El ili estis 12 ĉinoj.

Prelegis István Gulyás (H) pri la estonto de la eŭropaj fervojoj kaj Josef Waidacher (D) pri la plej nova trajnotipo de FRGermanio.

Dum la kunveno ekestis valora kontakto kun la ĉinaj fervojistoj, kaj inter ili estis la prezidanto de la Fervojista Esperanto-Rondo en Huhot, s-ro Li Sen, kiu salutis kaj eĉ disdonis donacetojn al ĉiuj ĉeestantoj.

El la rakontoj de la kongresintoj ni komprenas, ke estis grandioza travivaĵo partopreni la kongreson kaj kontakti kun ĉinaj esperantanoj, kies vervo kaj entuziasmo certe multe helpos al la eŭropanoj, el kiuj multaj laciĝis pro multjaraj, ŝajne vanaj, klopodoj. La entuziasmo pri Esperanto kaj la kredo je ties eblecoj ŝajnas enorma en Cinio.

Ni lernu el tio.




**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst.
**Redaktoro:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Cion por kaj pri "Internacia Fervojisto" bonvolu sendi al la redaktoro.
**Poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
**SVISA bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn.
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.




# 39A IFEF-KONGRESO

# 16A-22A DE MAJO 1987

# KATOWICE - POLLANDO

Fine la 39a IFEF-kongreso okazos en Pollando - patrolando de nia majstro Ludoviko Zamenhof - de 16a ĝis 22a de de majo 1987. LKK kore invitas ĉiujn gekolegojn partopreni la kongreson.

**Atentu!** Por partoprenantoj kun kongresnumeroj 1,2,3 estos fondita speciala premio flanke de inĝ.Rodak -ĉefdirektoro de Silezia Fervoja Distrikto, honora prezidanto de LKK.

Ne pensu tro longe, ne hezitu sed plenigu aliĝilon (preslitere aŭ maŝine) kaj sendu ĝin al LKK.

**Bankkonto:** NBP IV O/Warszawa 1049-7070-132 Zarzad Glówny Polskiego Zwiazku Esperantystów, Warszawa ul. Jasna 6.

| **Kongreskotizo**: en USA dolaroj (USD) | ĝis 31.01.1987 | de 01.02.1987 |
|---|---|---|
| 1. IFEF-membroj (ankaŭ emerituloj) | 30 | 40 |
| 2. Familianoj kaj junul(in)oj ĝis 20jara | 15 | 20 |
| 3. Ne IFEF-membroj | 36 | 48 |
| 4. Simpatianoj (ricevos la kongresmaterialojn) | 10 | 10 |

Tuttaga ekskurso al Krakovo 15 USD. Duontaga ekskurso al Oświecim 5 USD. Por komuna manĝo (antaŭ kongresbalo) vi devas pagi 10 USD.

## KONGRESURBO KAJ KONGRESEJO

Katowice estas ĉefurbo de la silezia regiono, granda industria, kultura kaj scienca centro, sidejo de regiona estraro de polaj ŝtataj fervojoj. Gi havas ĉirkaŭ 362 mil loĝantojn.

Samtempe kun kreskanta industriigo de Silezio, kiu daŭris inter XIXa kaj XXa jarcentoj, rapide disvolviĝis la urbo Katowice kaj najbaraj urboj. Sur relative ne tre granda surfaco de kelkcent da kvadrataj kilometroj dislokiĝis 14 grandaj urboj, konstruitaj senorde kaj plenigitaj per malbelaj grizaj domoj. Hodiaŭ oni alikonstruas grandajn partojn de malnovaj urboj anstataŭante ilin per modernaj loĝkvartaloj kun novaj trafikarterioj. Tiuj ĉi rekonstruaj ŝanĝoj estas plej klare videblaj en Katowice, kie modernaj objektoj troviĝas apud la malnovaj konstruaĵoj, devenantaj de pasinta jarcento. En la centro de la urbo oni konservis kaj renovigis belajn seciajn domojn i.a. ĉe la strato 3 Maja (3a de majo).

La plej interesa fragmento de katowica urbocentro estas grandioza monumento konstruita por la honoro de sileziaj insurgentoj.

Menciindaj konstruaĵoj estas la Palaco de Junularo kaj Kultura Centro, en kiu okazos nia kongreso. La kongresejo situas en distanco de la stacidomo je 10-15 minuta promeno.

Kvankam Katowice estas industria urbo, oni ankaŭ povas bone ripozi tie. Inter Katowice kaj Chorzów etendiĝas grandega Parko de Kulturo kaj Ripozo, la plej granda ĉispeca objekto en Pollando. Gi estas aranĝita sur iamaj nekultureblaj grundoj kaj elŝutejoj, kaj ekipita per diversaj kaj ripozigaj establaĵoj, i.a. planetario, zoologia ĝardeno, "amuza urbeto", stadiono por 100 mil spektantoj, centro de akvaj sportoj, kafejoj kaj restoracioj. Ankaŭ ĉi tie troviĝas tereno por ĝardenaj ekspozicioj. La parko estas atingebla dum 15 minutoj per tramo.

Do, ĝis la revido en Katowice en majo 1987.

LKK

# P R O T O K O L O

## pri la plenkunsido estraro/komitato

## en la 38a IFEF-kongreso en Skopje (YU)

**Mallongigoj:** K-o = komitato, k-ano = komitatano, ĉk = ĉefkomitatano, l.a. = landa asocio, Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, IF = Internacia Fervojisto;
por landaj asocioj estas uzitaj la aŭtomobilkodoj.

**Unua parto, 20.5.1986**

**1. Malfermo, konstato mandatoj**

Pr bonvenigas la ĉeestantojn kaj dankas la grandan nombron de partoprenantoj.

Ĉeestas 23 voĉdonrajtaj k-anoj.

| Lando | Komitatano |
|---|---|
| Aŭstrio (A) | Leopold PATEK |
| Belgio (B) | Lucien DE SUTTER |
| Britio (GB) | Frank CURTIS |
| Bulgario (BG) | Georgi LITOV |
| Ĉeĥoslovakio (CS) | Jindrich TOMIŜEK |
| Danio (DK) | Gunnar THUESEN |
| Finnlando (SF) | Nils G. NARVALA |
| Francio (F) | Joseph DUGUE |
| | Josette VONAY |
| FRGermanio (D) | Willi GRASS |
| | Erhard HERLITZE |
| | Hans-Jürgen RIEHN |
| | Gernot RITTERSPACH |
| Hispanio (E) | Rafael DEVIS |
| Hungario (H) | István GULYÁS |
| | János PATAY |
| Italio (I) | Germano GIMELLI |
| Japanio (J) | - |
| Jugoslavio (YU) | Milivoje MARAŜEVIC |
| Nederlando (NL) | Jan BULTMAN |
| Norvegio (N) | Per Johan KROGSTIE |
| Pollando (PL) | Wieslaw RÓZANKOWSKI |
| Svedio (S) | Evert RAUSEK |
| Svislando (CH) | Johannes JÜSTRICH |

La ĉeestantoj starante honorigas la mortintojn de la pasinta jaro, kies nomojn PR laŭtlegas:

| | |
|---|---|
| Francio: | Georgette Coyac |
| FRGermanio: | Martha Erhard |
| | Albert Gier |
| | Erwin Kudella |
| | Alfred Wittland |
| Hispanio: | Josep M. Margalef i Nadal |
| Hungario: | Inĝ. Ferenz Egry |
| Italio | Prof. D-ro Mario Dazzani |

Nederlando: Kornelius Gjalt Jogchem de Jong
Klaas Koster

**2. Ricevitaj telegramoj, leteroj k.s.**

Sk laŭtlegas la ricevitajn leterojn de Lazar Koliŝevski (kunlaboranto de Marŝalo Tito) kaj Borislav Naumovski (prezidanto de Respublika komitato por kulturo). Pli poste venis salutoj de s-ino Germaine Lemonnier, iama prezidanto de la franca l.a. kaj Honora Membro de IFEF kaj de s-ro Li Sen, prezidanto de la ĉinaj fervojistoj esperantistoj.

**3. Informo pri gravaĵoj el la nepublika Kunsido**

Pr informas, ke la kongreso donos al la publiko "Mesaĝon de Paco". La komitato unuanime akceptas la mesaĝon.

**4. Raportoj estraraj**

**4.1. Sekretario**
unuanime akceptita (vidu IF 2/86).

**4.2. Redaktoro**
unuanime akceptita (vidu IF 2/86).

**4.3. Kasisto, konfirmo de kasraporto**
unuanime akceptita (vidu IF 2/86).

**5. Protokolo Vejle**

unuanime akceptita (vidu IF 3-4/85).

**6. Konfirmo de la invito de 39a kongreso**

La prezidanto de la pola l.a. invitas al Katowice en Pollando (16.-22.5. 1987). Eĉ la ĉefdirektoro de la pola fervoja direkcio Katowice, inĝ. A. Rodak, venis al Skopje por kolekti spertojn kaj impresojn.

Pr aldonas, ke la kongreso en Pollando post konsento flanke de la ministerio por internaj aferoj estas certigita.

La invito estas unuanime konsentata.

**7. Raporto de la ĉefkomitatano**

Ĉk partoprenis en du estrarkunvenoj (Bergen -N- kaj Bremen -D-). Li eldonis cirkuleron kaj jardemandilon. Krome li starigis novan adresaron de funkciuloj. Ankaŭ li korespondis regule kun la estraro. La ĉk partoprenis en diversaj jarkunvenoj de la l.a.

Pr akcentas, ke ĉk vigle agis, kaj ĉiam helpis per konsiloj. Pr pro tio dankas lin.

**8. Estrarelekto**

Jen la rezulto de la estrarelekto:

| | jes | ne | sindeteno |
|---|---|---|---|
| Pr | 19 | 2 | 2 |
| Vp | 23 | - | - |
| Sk | 23 | - | - |
| Ks | 21 | 2 | - |
| Rd | 23 | - | - |

**9. Raportoj de la komisionoj kaj komisiitoj**

**9.1. Terminara Komisiono**

Gernot Ritterspach klarigas, ke la laboro progresas, tamen ĝi dependas de la rapideco, laŭ kiu eldoniĝos la venonta UIC-terminaro. En Katowice la komisiono montros ian rezulton, eble oni eldonos ekstrakton.

La raporto estas unuanime akceptita.

**9.2. Fakprelega Komisiono**

Gunnar Thuesen diras, ke la komisiono ĉiam estas je dispono. La komisiono konstatis bonegan kunlaboron kun LKK Skopje. En la pasinta jaro oni planis kaj reviziis fakprelegojn. Ankaŭ la kontaktoj kun la Terminara Komisiono estas bonegaj.

La raporto estas unuanime akceptita.

**9.3. Koresponda Servo**

Josette Vonay donas la raporton por J. Demissy. En la lasta jaro la komisiito respondis al 32 petantoj (1984 = 21).

La raporto estas unuanime akceptita.

Ck proponas, ke IF ne sufiĉas por publikigi la koresponddezirojn. Estus bone, se ankaŭ la resp. naciaj bultenoj publikigos ilin.

**9.4. Komitatano A de UEA**

István Gulyás raportas pri la lasta UK en Augsburg (D). GEFA sukcese kunlaboris. En la UK okazis fakprelego kaj fervojista kontaktkunveno (partoprenis 67 fervojistoj el 17 landoj)(vidu IF 5/85), poste vojaĝo al Nürnberg kaj vizito de la ekspozicio de la 150a jubileo de la germanaj fervojoj.

La raporto estas unuanime akceptita.

Pr atentigas, ke Gulyás estas denove anoncita al UEA por 3 jaroj kiel komitatano A de UEA.

La komitato konfirmas tion.

**10. Resumo pri raportoj landaj asocioj**

Raportas Vp Per Engen. Ĉifoje raportis ĉiuj landaj asocioj, sen memorigo! La ampleksa, riĉenhava raporto aperos en IF.

**Dua parto, 21.5.1986**

**Ceestas 23 voĉdonrajtaj k-anoj.**

**11. Kongresproponoj**

**Propono 1.**

Pr klarigas, ke la estraro jam pritraktis la interesan temon. La estraro pozitive taksas la problemon.

D-ro Bolognesi diras, ke la komentario de estraro en IF 3/86 estas ĝusta. La itala l.a. deziras la Forumon kiel daŭran programeron.

Car IFEF devas esti neŭtrala laŭ statuto, la komitato unuanime akceptas jenan tekston (22 jes, 1 sindeteno):

Ĉiu atingaĵo, kiu utilas al la movado, akirite far organizitaj fervojistoj esperantistoj, kaj nepre kiel oni atingis ĝin, trovu konvenan lokon en nia organo Internacia Fervojisto, precipe se en fervoja medio.

La interesitoj sendu siajn novaĵojn tiurilate al IFEA kaj al la redaktoro de IF. IFEA kunordigas kaj organizas laŭ la intereso kaj dis-

ponebla materialo kongresprogramon "Kunveno pri movadaj aferoj".

**Propono 2**
Pr klarigas la eventualajn konsekvencojn kaj la diversajn problemojn. Bedaŭrinde ĉk ricevis nur kvar respondojn de la l.a. Car la diskutado montras ke la proponita kotizsistemo havus malavantaĝajn konsekvencojn por la IFEF-kaso, ĉk retiras la proponon.

**12. Laborplano**

**12.1. Enketo Laborkondiĉoj de fervojistoj**
Pr diras, ke la aldona demando (laŭ propono de nia svisa l.a.) estis respondita de nur kelkaj landoj, la tuto intertempe malaktualiĝis. Tial ni rezignis korekti tiun punkton.

**12.2 Centjara Jubileo 1987**
En la lasta estrarkunveno la estraro decidis, ke Pr verkos du informartikolojn por fervojistoj (neesperantistoj) kiuj aperos en IF 5 kaj 6/86. La l.a. estas petataj, traduki ilin en siajn naciajn lingvojn.

Rozankowski diras, ke la pola transportministro entreprenis paŝojn por ke internacia trajno ricevus la nomon "Zamenhof" aŭ "Esperanto".

Ritterspach atentigas, ke estus grave, se la partoprenantoj de la horarkonferenco sufiĉe frue estus informitaj pri Zamenhof kaj Esperanto.

Pr sendos raporton pri Zamenhof al IF (vidu unuan alineon).

Barnickel diras, ke la tagordo por la konferenco verŝajne estas jam preparata.

**12.3. IFEF-membrokarto**
Momente IFEF ne povas fari ion, ĉar ne venis reagoj.

**13. Resumo pri la situacio en diversaj landoj**

**Cinio:** Pr diras, ke tiu lando estas por IFEF tre interesa.

Ritterspach proponas, ke la kongreso sendu salutkarton al Cinio.

Gulyás diras, ke en la kontaktkunveno por fervojistoj en Peking estos verŝajne 250 partoprenantoj. Sk skribos al UEA kaj petas, ke ni ricevos en Peking sufiĉe grandan salonon.

**Ceñoslovakio:** Tie estas nun nova prezidanto Struminsky. Sed bedaŭrinde el Slovakio neniu novaĵo.

**Danlando:** Nova estraro sub prezidantino Astrid Birkbak.

**Hungario:** István Gulyás estas nova prezidanto.

**14. Budĝeto 1987 kaj kotizkonfirmo**
La budĝeto 1987 kaj la kotizkonfirmo (sen ŝanĝo) estas unuanime akceptita.

**15. Elekto revizoroj**
DEFA proponis jenajn revizorojn:

Svend Hvass
Inge Sørensen
Frederik Nielsen
Anders Klausen (vicrevizoro)

Unuanime akceptitaj.

16. **Nova kotizsistemo**
Ks: konekse al propono 2 ne eniris reagoj.

17. **Delegoj laŭ Statuto §§ 3 kaj 7 al c)**
Unuanime akceptitaj.

18. **Rilatoj al aliaj organizoj**
**18.1.UEA**
Al UK en Peking veturos kelkaj membroj de IFEF. En kontaktkunveno de fervojistoj partoprenos verŝajne 250 personoj. Gulyás gvidos la kunvenon. Li planas fakprelegon (resumoj pri aktualaĵoj, ĉar tre interesaj por ĉinoj).
**18.2. FISAIC**
S-ro Hutmacher (CH), kasisto de FISAIC, reprezentis en Skopje FISAIC. La rilatoj al FISAIC estas sufiĉe bonaj.

19. **Venontaj kongresoj**
**19.1. Elekto de lando por 1988**
Josette Vonay invitas nome de la franca l.a. al Francio. La kongreso okazos komence de Junio. La urbo ĝis nun ne estas konata.
**19.2. Diskuto de pluraj eblecoj**
Hispanio estas preta, organizi la kongreson en 1989.

20. **Internacia Skisemajno**
Milivoje Maraŝevic invitas al Sarajevo (YU). La dato: 21.-28.2.1987.

21. **Libera diskutado**
**De Sutter:** La l.a. bonvolu priatenti la datojn de jarkunvenoj de aliaj l.a., por ke ili ne okazu samtempe.
**Gunnar Thuesen** (DK) atentigas al interesa fakprelego.
**Csonka** (H): mankas al IFEF junularo. Ni devas zorgi pri nova generacio.
**D-ro Menabene** (I): La organizado povus esti pli agrabla. Ne estas bone, se la hoteloj situas malproksime de la kongresejo.
**Hauge** (DK): La pola l.a. produktis novajn IFEF-insignojn. Ili kostas 2 svisajn frankojn aŭ 2.50 GM. Bv mendi ĉe Ks.
**Stuppnig** (A): En la venonta trilanda renkontiĝo oni aranĝos ankaŭ Forumon. Oni intencos pruvi, ke Esperanto estas taŭga lingvo.
**Olsen** (DK) atentigas al redaktora kunveno.

Protokolis: O. Rösemann

---

## IFEF-FONDUSOJ

**La Terminara Fonduso** celas iamaniere eldoni la rezulton de la multjara laboro de la Terminara Komisiono.

**La Junulara Fonduso** havas la celon subteni partoprenon de junuloj en Esperanto-aranĝoj.

**La Adopta Fonduso,** per kiu oni povas certigi membrecon de fervojistoj en nepagipovaj landoj, ankaŭ volonte akceptas kontribuojn. Kiel vi povas vidi aliloke estas interesa evoluo en Ĉinio.

Dum la lasta tempo ne venis kontribuoj al la fondusoj.

Ks

# RESUMO KAJ KOMENTARIO

## PRI LA JARRAPORTOJ DE LA LANDAJ ASOCIOJ 1985.

Tiu-ĉi jaro ĉiuj landaj asocioj sendis siajn raportojn sen antaŭa memorigo. La lasta alvenis la 17an de aprilo.

Ĉiuj raportoj estis kontentigaj, kelkaj eĉ tre bone kompilitaj. Speciale menciinda estas la raporto de la hungara asocio, kiu estis tre ampleksa, riĉenhava kaj donis bonegajn informojn pri la aktiveco.

**0. La landaj asocioj.**

**0.0–0.1.** La ĉefkomitatano elsendos liston kun la nomoj kaj la adresoj de la landaj asocioj kaj ties funkciuloj.

**0.2.** La nombro da membroj laŭ la indikoj en la raportoj estas 6237 aŭ 125 malpli ol en 1984. El ili 2343 estas membroj de IFEF. La kaŭzo de la diferenco estas ĉefe valutaj malfacilaĵoj.

En Okcidenta Eŭropo estis malgranda kresko en Italio kaj Belgio, dum la aliaj okcidentaj landoj havas stagnon aŭ eĉ malkreskon. En Orienta Eŭropo estis konsiderinda kresko en Bulgario. En la aliaj landoj la membronombro estis preskaŭ la sama kiel en 1984.

En Nederlando 92% de la membroj estas emerituloj, dum nur 2% en Pollando ne estas aktivaj fervojistoj. Entute preskaŭ 40% de la IFEF-membroj estas emerituloj.

**0.2.0.** La landaj asocioj havas lokajn klubojn aŭ grupojn en pli ol 120 lokoj.

**0.2.1.** La 13 landaj asocioj, kiuj respondis, indikas ke ili havas membrojn en entute 342 lokoj. Supozeble troviĝas tial IFEF-membroj en pli ol 500 diversaj lokoj.

**1. Landaj organoj.**

**1.0–1.6.** Ĉiuj landaj asocioj escepte de la bulgara, ĉeĥoslovaka, finna, norvega kaj pola eldonas proprajn organojn. La dana, franca kaj nederlanda organoj estas monataj, 7 aperas 5-6 fojojn po jare, 3 aperas 4 fojojn kaj 1 du fojojn po jare. La pojara nombro da paĝoj varias inter 5 kaj 200 kaj estas totale 864.

5 organoj havas nur esperantlingvan enhavon, dum la aliaj ankaŭ entenas informojn kaj artikolojn nacilingvajn.

**2. Rilatoj kun fervojaj kaj aliaj instancoj.**

**2.0–2.1.2. Fervojoj. FISAIC.** En ĉiuj landoj escepte de Britio, Ĉeĥoslovakio kaj Japanio ekzistas pli aŭ malpli intimaj kaj oftaj kontaktoj kun la fervojaj administracioj. Finnlando nenion diras pri tio. En multaj landoj la FISAIC-organizaĵoj peras la kontaktojn.

Ĉiuj landaj asocioj escepte de la bulgara, ĉeĥoslovaka kaj japana ricevas ekonomian aŭ/kaj alian apogon de la fervojoj aŭ/kaj de la landa FISAIC-organizaĵo.

La rilatoj kun la FISAIC-organizaĵoj, kie tiaj troviĝas, estas bonaj. Koncerne tion la situacio en Bulgario estas malklara.

La plejparto de la landaj asocioj raportas al la fervojaj instancoj aŭ/kaj al la FISAIC-organizaĵoj.

En Belgio, Danlando, Finnlando, Francio kaj Italio IFEF-membroj havas gravajn FISAIC-oficojn.

Klarigo en Esperanto troviĝas en la oficialaj horaroj en Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Hungario, Italio, Norvegio kaj Pollando. La jugoslava landa asocio esperas ke ekde 1986/87 ankaŭ la jugoslava horaro havos klarigojn en Esperanto.

**2.2–2.2.1. Sindikatoj.** La rilatoj kun la sindikatoj ŝajnas esti tre bonaj en FRGermanio, Hungario, Norvegio kaj Svislando, kie niaj landaj asocioj ricevas praktikan kaj ekonomian apogon de ili. Kontentigaj es-

tas krome la rilatoj kun la sindikatoj en Aŭstrio, Bulgario, Italio, Jugoslavio kaj Svedio, dum en la ceteraj landoj ne aŭ apenaŭ ekzistas rilatoj.

**2.3. Aliaj fervojistaj organizaĵoj.** Entute 12 landaj asocioj bone kunlaboras kun divers-specaj libertempaj, kulturaj kaj sportaj fervojistaj organizaĵoj.

Niaj asocioj en Aŭstrio, Hispanio kaj Italio daŭre havas kontaktojn kun AEC.

**2.4. Ne fervojistaj/ne esperantistaj organizaĵoj.** Nia bulgara landa asocio havas bonajn rilatojn kun la Patrolanda Fronto, kun junul-, turist- kaj abstin-organizaĵoj.

La ĉeĥoslovaka kunlaboras kun la ministerio por kulturo kaj ricevas apogon de ĝi.

En Hungario nia landa asocio havas tre ampleksan kunlaborantaron i.a.: Landa Packonsilantaro, Patriota Popolfronto, junularaj, virinaj kaj politikaj organizaĵoj.

Niaj aliaj landaj asocioj nur okaze havas kunlaboron kun tiaj organizaĵoj.

**3. Kunlaboro kun aliaj Esperanto-organizaĵoj.**

**3.0-3.2.** Rektan kunlaboron kun landaj UEA-organizaĵoj havas ĉiuj landaj asocioj escepte de la japana kaj la nederlanda. 9 landaj asocioj havas kontaktojn ankaŭ kun SAT-grupoj.

Cetere niaj asocioj kunlaboris kun i.a. Internacia Esperanto Muzeo en Vieno, Skolta Esperanto Asocio en Britio, Germana Esperanto Instituto kaj Esperanto Centro en Germanio, Mondpaca Esperanto Movado en Hungario, Kultura Esperanto Societo, Chaux-de-Fonds en Svislando kaj Esperanta Kulturdomo, Grésillon en Francio.

**4. Informado kaj varbado.**

**4.0. Artikoloj.** La landaj asocioj instigis grandan nombron de artikoloj, totale pli ol 250, en fervojaj, sindikataj kaj aliaj periodaĵoj kaj gazetoj. La plej bonan rezulton atingis la germana asocio kun 75 artikoloj kaj la ĉeĥoslovaka kun 45. Nur 2 landaj asocioj ne agis en tiu-ĉi kampo.

**4.1. Varbmaterialo.** Entute 13 landaj asocioj raportas pri elsendo de diversspeca varbmaterialo. Pli ol 13.000 broŝuroj kaj varbiloj kaj 200 afiŝoj elsendiĝis al novdungitoj kaj aliaj unuopaj fervojistoj kaj al organizaĵoj, sindikatoj, lernejoj ktp. La plej granda nombro sendis la jugoslava asocio (6000), la germana (3000 kaj 200 afiŝoj) kaj la itala, kiu uzas la esprimon "miloj".

**4.2. Fakprelegoj.** En Vejle okazis 4 fakprelegoj kaj deko da mallongaj prezentoj de fervojnovaĵoj. Dum la jaro estis krome prezentitaj pli ol 40 fakprelegoj en 16 diversaj lokoj en Francio, FRGermanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio kaj Pollando. Nia landa asocio en Hungario sole prizorgis 31 prelegojn en 8 diversaj urboj.

**4.3. Radio kaj televido.** Niaj landaj asocioj iniciatis televido- kaj radioprogramojn de jenaj stacioj: Vieno (Aŭstrio), Næstved, Århus (Danio), Munkeno (FRGermanio), Budapesto (Hungario), Undine (Italio), Zagrebo, Skopje (Jugoslavio), Varsovio, Katovice (Pollando).

**4.4. Ekspozicioj.** Ekspozicioj aranĝiĝis en jenaj lokoj:
Danio: Kopenhago, Næstved. Francio: Parizo, Le Mans, Nevers, Liono. Finnlando: Kouvola. FRGermanio: Frankfurto, Bremeno, Schwelm, Nurenbergo, Munkeno, Duisburg. Hungario: Budapesto, Debrechen, Miskolc, Tatra. Pollando: Katovice. Svedio: Nombro da urboj, kies nomoj ne estis indikitaj.

**4.5-4.6. Alia informado.** En entute 13 landoj okazis informado en la deĵorejoj.

El aliaj uzitaj informmetodoj mi mencias: Belgio, Britio, Danlando, Hungario, Italio, Norvegio kaj Pollando informas tra la gazetaro de la fervojoj kaj/aú la sindikatoj.

Danio kaj Hungario uzas murgazetojn. En Jugoslavio informado okazas en la fervojaj lernejoj kaj en FRGermanio per telekursoj.

**5. Kunvenoj kaj kursoj.**

**5.0. Estrarkunvenoj.** Nur niaj landaj asocioj en Japanio, Norvegio kaj Svislando ne havis estrarkunvenojn. En la aliaj landoj la nombro varias inter 1 en Ĉeĥoslovakio kaj 14 en Francio. La ĉeftemoj pritraktitaj estas organizaj aferoj, varbado kaj diversaj aranĝoj.

**5.1. Membrokunvenoj.** 12 landaj asocioj aranĝis membrokunvenojn en iu formo. La plej vigla aktiveco okazis en Bulgario kaj Francio.

**5.2. Kursoj.** Proksimume 75 kursoj aranĝiĝis en pli ol 60 lokoj en 13 landoj. Ne ĉiuj mencias la nombron de lernantoj, sed en 10 landoj la nombro entute estis iom pli ol 500. Speciale en Francio, Hungario, Italio kaj Pollando la aktiveco estis granda.

**5.2.1. Aliaj edukaj aktivecoj.** Mi speciale mencias la ĉiusemajnajn konversaciajn rondojn en Parizo kaj la telekursojn de nia germana asocio.

**5.3. Jarkunvenoj.** Ĉiuj landaj asocioj escepte de la aŭstra aranĝis jarkunvenojn. La amplekso tre varias. La plej grandaj estis verŝajne la franca, germana kaj pola, kiuj ĉiuj havis pli ol 100 partoprenantojn. Kelkaj jarkunvenoj okazas en la kadro de la jarkunvenoj aŭ kongresoj de la landaj UEA-organizaĵoj.

En konekso kun pli ol la duono de la jarkunvenoj estas pli ampleksaj programoj kun ekskursoj, prelegoj, ekspozicioj, distraj vesperoj, bankedoj ktp.

**5.4. La kongreso en Vejle.** La raportoj indikas ke proksimume 250 IFEF-membroj partoprenis la 37an kongreson en Vejle.

**6. Kongresa gazetara servo. Fakprelegoj.**

**6.0-6.0.0. Gazetara servo.** En 12 landoj la materialo estis uzita por verki artikolojn, prelegojn kaj raportojn al la fervoja administracio, sindikatoj kaj la FISAIC-organizaĵoj. Neniuj havas negativajn rimarkojn, dum 5 landoj laŭdas ĝin.

La hungara landa asocio proponas ke la venontaj LKKoj sendos la materialon al komitatanoj, kiuj pro iu kaŭzo ne povas ĉeesti. La jugoslava asocio deziras ke LKK faros mallongan kompletan raporton eventuale kun fotografaĵoj pri la tuta kongreso.

**6.1. Uzo de la fakprelegoj.** Ankaŭ en 1985 nur 10 landaj asocioj iamaniere uzis la fakprelegajn tekstojn, precipe por artikoloj en nacilingvaj periodaĵoj. En Britio, FRGermanio, Pollando kaj Svislando tradukoj estis senditaj al fervojaj instancoj.

**7. Junularo.**

**7.0.-7.2. Junaj membroj.** La nombro da membroj malpli ol 30 jaroj estas laŭ la raportoj 873. La plej granda nombro troviĝas en Pollando (340), Hungario (194), Jugoslavio (140), Francio (100) kaj en Bulgario (40). 7 landaj asocioj havas neniujn junulojn inter siaj membroj. En entute 7 landoj niaj asocioj speciale agas por varbi junulojn. Menciinda estas la metodo, kion uzas niaj asocioj en Jugoslavio kaj Pollando, nome aranĝo de kursoj por la lernantoj en fervojaj lernejoj.

**7.3. Novdungado ĉe la fervojoj.** En Belgio, Bulgario kaj Japanio la fervojoj ne dungis novajn kunlaborantojn en 1985. En Danlando dungiĝis 200 kaj en Hispanio, Pollando, Svedio kaj Svislando granda nombro. La aliaj landoj ne donas informojn pri tiu-ĉi afero.

**8. Terminara kaj traduka laboro.**

**8.0.** Koncerne la laboron de TK, mi montras al la speciala raporto de la komisiono. 8 landaj asocioj indikas ke ili kunlaboras. La itala landa asocio preparas eldonon de itala-Esperanta terminareto kun 3500 terminoj kaj gramatiko en 1987 kaj la

ĉeĥoslovaka komencis prepari ĉeĥan-germanan-Esperantan terminareton.

**9. Diversaĵoj.**

**9.0. Aŭstrio** partoprenas en Aŭstria Laborkomitato, kiu preparas la 100-jaran jubileon de Esperanto.

**Britio** deziras aranĝi komunajn belgajn, nederlandajn, britajn renkontiĝojn kaj volas interparoli pri tio dum la kongreso.

**FRGermanio** festis la 75jaran jubileon de GEFA kaj eldonis 24paĝan numeron de Bulteno, kiu pritraktis la historion de la germanaj fervojistoj esperantistoj.

GEFA ankaŭ grave kontribuis al la aranĝo de la 70a UK. Okazis fervojista tago kun 67 partoprenantoj el 17 landoj.

**Hungario** ankaŭ en 1985 tre aktive agis.

D-ro István Bácskai elektiĝis honora membro de HEA kaj honora prezidanto de la Fervojista Sekcio de HEA.

La Fervojista Sekcio sub sia reprezentanto d-ro Bácskai tre aktive partoprenas la jubileajn preparojn.

Kvar membroj de la landa asocio, Ambrus Tóth, Lajos Korsós, Lászlo Zseni kaj Szilárd Bálint estis distingitaj de HEA pro sia agado por Esperanto. György Kutsera ricevis honoran diplomon de la kultura ministerio pro longdaŭra kultura agado.

46 membroj faris supran ŝtatekzamenon pri Esperanto.

La asocio flegis viglajn kontaktojn kun fervojistaj esperantistoj en granda nombro da landoj speciale pri fakaj aferoj. La fakgrupoj kunlaboris kun turismaj organizaĵoj i.a. per traduko de turismaj kaj transportaj prospektoj. Ili cetere havas klubojn kun tre granda kunven-aktiveco kaj ne malpli ol 9 bibliotekojn el kiuj la plej granda havas 1650 volumojn.

La kontaktoj kun la sindikatoj estas tre bonaj kaj ties ekonomia apogo grandparte ebligas tiun grandegan aktivecon.

**Italio** raportas pri jenaj aktivecoj: Daŭrigis la kontakton kun FISAFS por starigo de eŭropa sindikato bazita sur Esperanto kiel laborlingvo.

Aprobigis rezolucion dum la kongreso de la itala AEC-sekcio pri enkonduko de oficiala lingvo, kiu "reprezentu ankaŭ spirita unuigo".

Organizis oficialan debaton en Romo pri lingvaj problemoj kun partopreno de reprezentantoj de du registaraj partioj kaj rondan tablon pri la sama temo inter eŭropaj parlamentanoj.

Estas stariganta interpartian komitaton al kiu aliĝis kvar registaraj partioj.

**Japanio** raportas pri grandaj problemoj por multaj fervojistoj, ĉar la registaroj minacas reorganizi la ŝtatan fervojon per dividi ĝin en pluraj malpli grandaj entreprenoj.

**Jugoslavio** aperigis novan eldonon de speciala lernolibro por fervojistoj. Aperis ankaŭ la unua eldono de tiu lernolibro en slovena lingvo.

**Svislando** tradukis kaj transsendis al la sindikato la materialon pri la "laborkondiĉoj por fervojistoj". La sindikato aperigis ĝin en germana kaj franca sindikataj gazetoj kaj eĉ pagis por la utiligo.

**10. Fina komentario.**

**10.0.** Koncerne la oficialan situacion la raportantoj en 3 landoj estas pesimismaj, dum 7 parolas pri ne ŝanĝita situacio kaj 7 pri kresko. La situacio por la fervojistaj esperantistoj ŝajnas esti iom malpli hela.

Daŭre la situacio estas plej bona en la orienteŭropaj landoj, sed kelkaj okcidenteŭropaj landaj asocioj, kiel la dana, hispana kaj itala havas pli optimismajn raportojn ol pasintjare.

Bergen, 28.04.1986

Per Engen, vicprezidanto.

## NOVA OFERTO DE LA FERVOJMUZEO EN HAMAR (NORVEGIO)

### Gvidlibro kaj Esperanto kiel pontlingvo

Kiel menciis dum la kongreso en Skopje Per Johán Krogstie, fervojmuzea kuratoro de Norvegio, nova oferto estas preta resp en preparo de la muzeo.

Ĵus eldoniĝis Gvidlibro pri la fervojmuzeo en Hamar (N), 64paĝa belaspekta presaĵo kun ĉ 200 fotografaĵoj kaj desegnaĵoj kaj mallonga, sed detala priskribo en kvar lingvoj: norvega, angla, germana kaj Esperanta.

Trafoliumante la kajeron oni ekhavas eminentan superrigardon pri la muzeo, kiu estas la plej malnova en Nordio kaj samtempe la plej malnova teknika muzeo de Norvegio. Ĝi establiĝis en 1896 kaj post diversaj translokiĝoj - eĉ 14jara enpakiĝo - ĝi en 1956 ricevis sian nunan formon.

Plurajn interesajn kaj nun kuriozajn informojn oni ricevas per la tralego. Ekzemple, ke en la tempo antaŭ la radio la posttagmezaj trajnoj elveturantaj el Kristiania (la antaŭa nomo de la norvega ĉefurbo Oslo) portis sur la malantaŭa vagono signon pri la veterprognozo por la morgaŭa tago, kaj tiel ĝi estis disvastigata tra la lando.

Triangulo signifis seka vetero,
triangulo super kvadrato signifis necerta vetero,
kvadrato signifis pluva vetero kaj
kvadrato super triangulo signifis sereniĝanta vetero.

Interesiĝantoj pri la gvidlibro povas akiri ĝin ĉe la fervojmuzeo: Jernbanemuseet, Postboks 248, N-2301 HAMAR, deĵore: NSB Jernbanemuseum, Hamar.

Sed ni kaŝis la eble plej interesan aferon ĝis la fino de ĉi-tiu artikolo. Dum la 38a IFEF-kongreso Per Johan Krogstie donis la gvidlibron al esperantistoj de jenaj lingvogrupoj: bulgara, hungara, ĉeĥa, serbokroata, pola, hispana, kataluna, franca, nederlanda, finna kaj itala kun la peto, ke ili traduku ĝian tekston al la menciitaj lingvoj. Poste oni fotokopios ĉiun opan lingvoversion por povi liveri al vizitantoj en la muzeo el la menciitaj lingvoteritorioj la tekston en ilia propra lingvo. Kompreneble oni mencios, ke tio eblis nur pere de Esperanto kiel ponta lingvo.

Brila iniciato kaj ekzemplo de praktika uzo de la Internacia Lingvo.





## FERVOJA KORESPONDA SERVO

Senhezite enskribiĝu vin ĉe

Fervoja Koresponda Servo (F.K.S),
J. Demissy, 18 Avenue du Lieutenant Bourguignon, F-55600 Montmedy.

Indiku viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn) por ĉiu dezirata korespondadreso.

Ĉiu subskribint(in)o certigu respondi almenaŭ unu fojon!

# LA 28AN IFES EN OLIMPIKA URBO SARAJEVO

La sekvonta, 28a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno okazos en la olimpika urbo Sarajevo, 21.-28.02.1987.

**Pri la urbo**

Sarajevo estas natura kaj geografia centro de Jugoslavio, ĉefurbo de Socialisma Respubliko Bosnio kaj Hercegovino. Ĝi estas politika, ekonomia, scienca, kultura, trafika kaj sporta centro de tiu jugoslavia respubliko. En Sarajevo vivas pli ol 500.000 loĝantoj. En dudek kvar fakultatoj de la Sarajeva universitato studas 30.000 studentoj. En la urbo funkcias dek du muzeoj kaj galerioj kaj ok kultur-artaj festivaloj okazas ĉiujare. Multaj monumentoj el la malnova kaj nova historio kunigas novan kaj malnovan Sarajevon, Orienton kaj Okcidenton, kiuj en la urbo tiel imprese miksiĝas, ligante jarcentojn kiuj ĉi tie restigis profundajn postsignojn.

Kiam Turkoj konkeris Bosnion, en 1435a jaro, ili okupis urbeton sub la monto Trebeviĉ, en la valo de rivero Miljacka, iama romana, kaj de la sesa jarcento slovena loĝkolonio. Tie ili konstruis kortegon (turklingve Saraj) porreganto, kaj ĉirkaŭ la kortego domojn, moskedojn, banejojn, pontojn trans la rivero, muelilojn, tranoktejojn, butikojn ... kaj tiel baldaŭ ekestis la urbo nomita Saravejo. Iom post iom la urbo aspektis kiel grandega ĝardeno el kiu leviĝis altaj minaretoj de moskeoj. En tiu tempo ĝi estis taksata, post Istambulo, la plej bela urbo en la Eŭropa Turkio.

Dum jarcentoj Sarajevo ŝanĝiĝis. Pasis multaj militoj, trapasis multaj armeoj, ĝi estis sklavigata kaj liberigata. Tie ĉi, post fatalaj revolveraj pafoj, per kiuj la 28an de junio 1914, Gavrilo Princip, membro de la organizo "Juna Bosnio", atencis Aŭstro-hungaran kronprincon Franjo Ferdinand, komenciĝis la Unua mondmilito.

En maltrankvilaj kaj malfacilaj tagoj de la Dua mondmilito Sarajevanoj donis, kune kun ĉiuj jugoslaviaj popoloj, sian plenan kontribuon al liberiĝo de la lando. Kaj de tiu tago, de la 6a de aprilo 1945, kiam libero venis sur la bordojn de la rivero Miljacka, la urbo forte ekevoluis ekde la fondiĝo.

Sarajevo estas bela en ĉiuj jarsezonoj, sed apartan ĉarmon donas al ĝi vintro kun multe da neĝo, kiu kovras la urbon kaj ĉirkaŭajn deklivojn kaj montojn.

La monto Trebević (1629 metroj super marnivelo) etendiĝas tra la tuta suda parto de la urbo, kaj ĝiaj krutaĵoj tuŝas jam la centron de la urbo. La montaro Jahorina (1961 m.s.m.n.) kiu troviĝas 25 km sudoriente de Sarajevo estas moderna vintra sporta centro kun multaj hoteloj, ŝnurfervojoj kaj skiliftoj. Sur la montaro Bjelaŝnica (2067 m.s.m.n.), 35 km sude de Sarajevo, sur kiu interfrapiĝas mediteranea kaj kontinenta klimatoj, ekzistas idealaj terenoj por alpa skiado.

Ĉirkaŭigitaj per tiel idealaj vintraj terenoj, loĝantoj de Sarajevo jam delonge okupiĝas pri vintra sporto. Dank' al bone organizitaj 14aj Vintraj olimpikoj en 1984, Sarajevo kun najbaraj montaroj fariĝis moderna, internacie konata vintra sportcentro.

**Pri la Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno**

Fervojista Esperanto-Societo Sarajevo kaj Esperanto Ligo Sarajevo organizas la 28an IFES en Sarajevo, 21.-28.02.1987.

Sarajevo estas facile atingebla per fervojo el ĉiuj direktoj (Zagreb, Beograd, Kardeljevo). En la stacidomo Sarajevo troviĝas informa giĉeto kaj akceptejo por partoprenantoj de la 28a IFES. De la stacidomo ĝis hotelo ĉiuj partoprenantoj veturos per aparta aŭtobuso. Hotelo "Stambulĉiĉ", en kiu loĝos IFES-anoj, kaj kie okazos vesperaj aranĝoj, troviĝas sub la montaro Jahorina. Ĉambroj en la hotelo estas 1-, 2- kaj 4litaj, kun fluakvo, sed la duŝoj kaj necesejoj estas ekstere. La hotelo posedas propran skilifton.

La skiado estas antaŭvidita sur terenoj ĉirkaŭ la hotelo kaj sur montaroj Jahorina kaj Bjelaŝnica, laŭ la programo. Ĝis Jahorina kaj Bjelaŝnica transporto okazos per propraj aŭtobusoj. Oni planas unutagan ekskursviziton al Sarajevo.

Fine de la Skisemajno estas antaŭviditaj ski-konkursoj. Ĉiuvespere okazos interesa amuza programo por partoprenantoj: filmoj pri la ĝisnunaj IFES, programo de partoprenantoj, prelego kaj filmo pri Sarajevo, folklora vespero, maskobalo kaj adiaŭa vespero.

Por pliaj informoj kaj aliĝilo bonvolu turni vin al: 28a IFES, V. Pelagića 8/I, YU-71000 Sarajevo, Jugoslavio.

## NEKROLOGO

La 17an de junio forpasis nia estimata amiko **Folke Pettersson,** 67 jaraĝa. Estis por nia asocio kaj la Esperanta movado granda perdo. Li ĉiam estis gaja kaj helpema persono. Multaj Esperantaj geamikoj, kaj eksterlandaj kaj enlandaj, trovis en li sinceran kaj ofereman homon. Lia hejmo en S o l n a (Stokholmo) ĉiam estis nefermita por esperantistoj.

Li estis bona organizanto, kaj pro tio la SEFA-anoj eluzis lian kapablon aranĝi niajn jarkunvenojn kaj eĉ Nordian kunvenon, kiam ni lokigis ilin al la sveda ĉefurbo.

La jarojn 1963 ĝis 1968 li estis la sekretario de la sveda sekcio de IFEF.

Li ĉiam estu en nia memoro kaj ni kondolencas al lia edzino kaj al la filino kun familio.
Li ripozu en paco!

SEFA/IFEF

## NIAJ JARKUNVENOJ

**26.-28. septembro 1986:**
FFEA-jarkunveno en Parizo (vidu IF 4/1986 pĝ 64). Informoj ĉe FFEA, 1 bis, rue d'Athènes, F-75009 Paris.

**17.-19. oktobro 1986:**
30a GEFA-jarkunveno en Duisburg (vidu IF 1/1986 pĝ 15 kaj 3/1986 pĝ 45). Informoj ĉe Rolf Terjung, Finkenschlag 68, D-4100 Duisburg 26 aŭ deĵoradreso: Bf Mülheim (Ruhr) Hbf.

**Jubileo de FERN (NL)**
La 14an de novembro 1946 fondiĝis la "Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda". La 18an de novembro 1986 oni festos la 40jaran jubileon en Amsterdamo. Informoj ĉe W L van Leeuwen, Julianaplein 2, Nl-1097 DN Amsterdam.

**Nordia Kunveno,**
kiu ne estas jarkunveno, sed kultura kaj distra aranĝo de la nordiaj IFEF-asocioj (DEFA, ESFF, NEFA kaj SEFA), okazos 10a-12a de oktobro 1986 en Rapham (N). Samtempe kaj samloke okazos estrarkunveno de IFEF.

## ADRESŜANĜO

Kolego J J Labordus, prezidinto de FERN kaj multjara komitatano kaj kunlaboranto en la Historio-Komisiono translokiĝis.

Lia nova adreso estas: Othellodreef 127, NL-3561 GV Utrecht, Nederlando, telefono + 30-615040.




## 46A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO - VIGO (GALEIO)

Kun 220 partoprenantoj okazis en Vigo la 46a Hispana Kongreso de Esperanto, de la 5a ĝis la 20a de julio.

La 16a de julio je la 19a horo kunvenis Hispana Esperanta Fervojista Asocio, kaj la prezidanto informis pri la pasinta IFEF-kongreso en Skopje, la nuna situacio de HEFA, la projektoj por la venonta jaro, kaj la normala nombro de membroj. La ekonomia situacio nuntempe estas kun ruĝaj numeroj, pro la aĉeto de komputilo. La membroj de HEFA partoprenantaj en la kongreso estis 22.

Dum la kongreso okazis fakkunveno pri la venontjara Jubileo de Esperanto, la diversaj kunvenoj de Esperanto en Hispanio, la verkado de novaj libroj esperantlingve, Sferoj 4, Astura Verko, ktp.

Ni ankaŭ ekskursis vizitante la kongresurbon, la malaltajn enfluejojn el Pontevedra, Vilagarcia de Arousa, la insulon de la Toxa, ktp.

HEFA

## KUNKANTU

"Kunkantu" estas la nomo de kasedo, kiu pro morto de la produktanto dum kelka tempo ne povis aperi. "Kunkantu", kantu kun ni, ĝi nomiĝas, ĉar por ĉiuj en ĝi fiksitaj kantoj la tekstoj estas aldonitaj. Tiel ĉiu, kiu aŭdas ĝiajn kantojn, tuj kapablas KUNKANTI. Ideala por grupvesperoj, ekskursoj aŭ kiel donacaĵo por amikoj en la tuta mondo.

La kasedo enhavas 9 internaciajn kaj 9 germanajn kantojn, kantitajn de Ludwig Fluck (tenoro) kaj Walter Lange (baso). Ambaŭ estas bone konataj, ambaŭ kunagis en la 33a IFEF-kongreso Regensburg, Ludwig Fluck ankaŭ 1985 en la 70a Universala Kongreso en Augsburg, kie li denove rikoltis fortan aplaŭdon.

Tiu kasedo estas eldonita de Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) kaj povas esti mendata ĉe s-ro Karl Bernhard, Sauerbruchstrasse 8, D6700 Ludwigshafen/Rhein. La prezo por la kasedo estas 15 germanaj markoj (DEM) plus 5 DEM por 10 tekstslipoj plus 2 DEM por sendkostoj. Tiujn 22 DEM bonvolu antaŭe ĝiri al konto 569 08-606 Postscheckamt Frankfurt/M für Sparda-Bank Frankfurt zugunsten GEFA-konto 953729. Ne forgesu indiki la celon de la ĝirado.

La tekstoj ankaŭ estas riceveblaj sen kasedoj en pakaĵetoj po 10 ekzempleroj por 5 DEM plus 1 DEM por sendkostoj.

GEFA




Ne preterdormu vian ŝancon - lernu Esperanton !

## ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en novembro, estas 10.10.1986

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved